# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 26/07/2014 Cent sepdek kvina eldono 26/07/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Trovi vivopartneron Klaku, aŭskultu, ĝuu, spertiĝu.



En nia hodiaŭa industria socio la junaj homoj ĝenerale povas mem elekti al kiu ili volas geedziĝi. En antaŭaj epokoj kaj hodiaŭ ankoraŭ en multaj landoj de la mondo la familio - do la gepatroj - decidis resp. decidas pri geedza partnero aŭ ili almenaŭ aplikas fortan premon pri tiu decido. La plej ekstrema kazo estas la perforta edzinigo kiu kompreneble en la landoj de EU estas kontraŭleĝa kaj puninda al la perfortantoj, sed pro la enmigrado el landoj kie perforta edzinigo estas praktikata, ankaŭ en landoj de EU tiuj kazoj aperas.

Tradiciemaj turkoj kiuj vivas en lando de EU ekzemple ne deziras ke ilia filo edziĝu al turkino kiu same estas kreskinta en EU-lando. Tiaj junulinoj ja jam konatiĝis kun la liberala vivostilo kaj ne plu estas taŭgaj edzinoj por filo de tradiciemaj turkoj. Tial la gepatroj serĉas por la filo estontan edzinon en Turkio por garantii ke ŝi daŭrigos la tradician vivostilon de la gepatroj. Tiuj gepatroj timas ke se ili ne faras tion, la familio iutage ne plu estos turka sed eŭropa. Se la filo edzinigus ne-turkan eŭropdevenan virinon tio signifus forlason de la familio kaj tio por tiaj homoj estas neimagebla.

En antaŭaj epokoj la homoj plej ofte serĉis kaj trovis sian vivopartneron en sia proksima medio, eĉ en la propra parencaro. La homoj en vilaĝo plej ofte estis ĉiuj parencoj unuj al la aliaj. Hodiaŭ la homoj havas multajn eblecojn vastigi sian socian horizonton: Ekzemple ne estas problemo veturi 50 km por viziti diskotekon. Dum ferioj ie en eksterlando denove estas multaj okazoj renkontiĝi kun samlandanoj aŭ kun samlingvaj eksterlandanoj kaj lingve lertaj homoj povas eĉ amikiĝi kun alilingvaj eksterlandanoj.

Kaj hodiaŭ multaj junaj homoj studas aŭ praktikumas dum unu aŭ pluraj jaroj en eksterlando kaj tie ofte okazas ke "sago de la dio de amo Amor" trafas du homojn el malsamaj landoj kiuj troviĝas hazarde en tria lando. Bedaŭrinde tia amrilato ofte ne havas longan vivon ĉar la objektivaj cirkonstancoj malfavoras komunan vivon. Unu problemo povas esti la manko de komuna lingvo kiun ambaŭ regu je sufiĉe alta nivelo kaj alia problemo same lingva povus esti ke unu partnero ja devas forlasi sian landon por vivi en la lando de la alia kaj tiam devas lerni la lingvon de la lando por trovi taŭgan laborpostenon.

Se temas pri komuna lingvo esperanto-parolantoj certe havas bonan komunan lingvan bazon kaj tial iliaj ŝancoj pri stabila rilato estas pli grandaj, sed ankaŭ ili frontas la problemon ke unu partnero devas lerni la lingvon kaj la kutimojn de la nova lando. Plej ofte estas la junaj virinoj kiuj forlasas sian hejmlandon por vivi en la lando de la estonta edzo, ĉar la profesia kariero al ili ne estas tiom grava kaj tial ili havas pli da tempo por familiariĝi kun la kutimoj de la lando.

Evidente multaj tiaj miksitaj geedzaj paroj sukcese kunvivas ĉar ĉe la diversaj E-renkontiĝoj en centra Eŭropo oni renkontas tie multajn miksitajn familiojn kun iliaj infanoj. Esperanto tie funkcias kiel familia lingvo kaj tiel pruviĝas ke nia lingvo estas vere vivanta. Esperanto do servas por feliĉigi homojn. Kia ĝojo!

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

CRI online http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj



## Esperanto-Domo Sidnejo

Aferkunveno je 11atm. Poste amuzkunveno kun nudeloj, manĝetoj, kafo, teo, ktp, kaj bonaj amikoj.

**Ni festos la Esperanto-tagon la 27an de julio.**

**Venu!** Esperanto-Tago alproksimiĝas !




## EsperantoTV http://www.esperantotv.net/

## 29. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO. La t.n. Participoj. C.



Pasintan semajnon ni vidis, ke knabo nun estas en sata stato, ĉar li iam en la estinteco havis sian manĝon. Tion indikas la Sufikso "-inta", kaj la kutima signifo estas, ke tiu manĝado okazis antaŭ mallonga tempo, ĵus, por povi influi la nunan staton. Se en la nuna momento la knabo estas manĝanta, ni scias nur ke li iam en la ĵusa pasinteco komencis manĝi kaj ke li iam en la tuja estonteco eble, sed ne estas certe, kompletigos la manĝadon. Estas kvazaŭ nia rigardo tratranĉas tra la ago "manĝi" kaj vidas nur momenteton de tiu ago, kiu ja jam komenciĝis kaj ankoraŭ ne finiĝis. Ne temas pri tempo, kiun ja indikas –as/-is-ktp-verbo en la Predikato, sed pri la nun

aŭ aliiam observata fenomeno de tratranĉita ago, de ago kiu jam komenciĝis kaj kiu ankoraŭ ne finiĝis, kaj de kiu ni scias ke ĝi disvolviĝas antaŭ, dum, kaj post nia observado. Kaj tiu -anta-manĝado, tiu manĝantado, povas okazi en iu ajn tempo aŭ modo: La knabo estas, estis, estos, estu, estus, kaj esti manĝanta, depende kiam mi observis aŭ –os lin. Se ni parolas, -is, -os, ktp. al iu manĝinta knabo, ni scias nur, ke li ne malsatas, ĉar jam en la ĵusa pasinteco havis sian manĝon. Se ni parolas, -is, ktp. al iu manĝonta knabo, ni scias nur, ke li malsatas/is ktp., ĉar ankoraŭ ne manĝas, manĝis, manĝos, ktp. (sekvota). Marcel Leereveld.

# Ronald C. Gates: Briĝo kun veneno 2014



Lastatempe Flandra Esperanto-Ligo eldonis en Antverpeno la kvinan en mia serio da krimromanetoj lokitaj en la imagita kampara urbo Longvalo kaj ĝia universitato. La titolo estas *Briĝo kun veneno*, kaj temas pri hommortigo okazinta dum kunveno de la loka briĝa klubo. Refoje kunlaboris por solvi la murdenigmon polica komisaro Elis kaj universitata gardistarano Tomson. Mi alkroĉos bildon de la kovrilo. La libro haveblas ĉe FEL kaj en presita formo kaj kiel e-libro. Mi aldonu, ke mi havas preskaŭ prespreta la sesan en la serio, titolitan *Murdo en la teatro* – do en mia naŭdekdua jaro mi restas verkema.




Ron Gates



# La Adelajda Esperanto-klubo.

Jen eta novaĵo el Adelajdo.



Sabaton, la 19-an de julio, la adelajdaj esperantistoj renkontiĝis en la hejmo de Cathy Taggart. Ni estis invititaj por kunludi. Cathy estas konata ŝatanto de pupoj kaj do ne estis surprizo, ke la pupoj kunrolis. Unu ludo estis elpensita de la gastigantino mem kun la intenco ekzercigi la uzadon de la akuzativo. Agrabla babilado, abundo de pladoj por la vespermanĝo kaj gaja kunkantado finis la kunestadon.





Amike,
Katja

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress

## Komentoj de Anonymous pri la RETRADIO

Mi elkovris la Esperantan Retradion (ERR) nur en ĉi-tiu jaro, sed ekde tiam mi aŭskultas la plejmulton de la sonartikoloj - escepte kiam mi vojaĝas.



Miaopinie la ERR estas la plej bona esperanta retpaĝo. Kial?

Jen la kialoj:

1) Estas alŝutitaj sonartikoloj ĉiutage !!!!

2) Eblas ne nur aŭdi sed ankaŭ legi la tekstojn.

3) La enhavo de la tekstoj estas tre interesa.

4) La longeco de la tekstoj estas perfekta; ili estas nek tro longaj nek tro mallongaj.

5) Precipe: la prononco de la parolantoj (kiuj estas ankaŭ la aŭtoroj) estas klara kaj (preskaŭ ĉiam) korekta.

6) La lingva nivelo estas konvena - adekvata - por meznivelaj esperantistoj. Mi pensas ke ankaŭ tiuj altnivelaj esperantistoj kiuj ankoraŭ ne estas fluaj parolantoj povas interesiĝi pri ERR.

Mi konsideras la laboron de Anton mirinda kaj admirinda, unue pro tio, ke li kreis la ERRn, due ĉar li produktas kaj ofertas al la esperantistoj preskaŭ ĉiutage interesan sonartikolon. Kiu "akompanas" la ERRn certe demandas sin kiel li sukcesas fari tion. Dankegon, Anton.

Dankon ankaŭ al la aliaj aŭtoroj kiuj kelkfoje produktas sonartikolojn: plejfoje Paulo kaj Gian Piero. Iliaj tekstoj ankaŭ estas ĉiam interesaj kaj klare prononcitaj.

Estas domaĝe ne nur ke ne estas pliaj aŭtoroj sed ankaŭ ke ŝajne malmulte da esperantistoj profitas de tiu mirinda retpaĝo.

Ni sciigu la ERRn senĉese inter la esperantistoj.

P.S.: Alia produkto de Anton kiu estas profitebla - kaj devus esti profitata plie - estas lia konvertilo de supersignoj: http://members.aon.at/aldone/konvertilo.html

## Homoj el Aŭstralio kiuj komencis LERNU dum la lastaj 90 tagoj

Joshua Huggett, de Ellenbrook... Rob, de Victoria... Ross Nelligan, de Darwin... Richard Costta, de Central Coast Q... Paula Mitchell, de WA... Sean, de Adelaide... Sheridan, de Perth... Slimrash, de au... Stephen, de au... Svetlana, de WA... Syrus, de WA... Tim, de Melbourne... tifbif, de au ... David Parle, de

Sydney…Tony Outlander, de Nth Warrandyte… Bagnar, de au… Celeste, au… Alex, au… Benny, au… Brittan, Brisbane… Zoe, Sydney… Benno, Adelaide… Cecile, Vic… Chris, au… Dianne Raby, wa… JL, au… Ehsanul Kabir, Vic… Ian, Vic… Aaron, au… Freezer, WA… Sophie, WA… Gabriel Boylan, Brisbane… Josh, Vic… Miah, NSW… Isa, Vic… Jeremy Lattin, Narrabeen … Josh Mansfield, nsw… Josh, au… Ruairidh McGhee, nsw… Cass, Sydney… Laila, au… Lara, au… Matt, au… Matt, Melbourne… Olaf, nsw… Pat Dijohn, au… Patrick Davey, Vic… Phillip Cole. au… Phoe, Vic… Phillip Myers, Vic… Polina, Sydney… powdamonkey, au… prunes, Hobart… purpleninja, Sydney… Tom, Brisbane sendis Henriette Vanechop




## Estas senpaga donaco

**Havebla ĉe Esperanto-Domo, Manly Esperanto-Klubo, Adelajda klubo**

**Vizitu Esperanto-Domon kaj portu sufiĉe da ekzempleroj al via klubo**

**Ĝis nun nur EFNSK kontribuas por la presado, disvastigo.**

**Kiel eblas disvastigi la libreton ?**

**Kiel eblas disvastigi Esperanton ?**

**Ĉu vi povas/volas proponi propagandilon aŭ praktikajn ideojn ? Skribu al AE.**



The world's most successful created language.

Logical • Easier • Fairer • Learnable

Because exceptions and irregularities do not exist, this booklet contains most of the Esperanto grammar.

The vocabulary consists of a comparatively small number of roots, which, with the addition of prefixes and suffixes enables a vast number of words to be formed.

AUSTRALIAN ESPERANTO ASSOCIATION
aea.esperanto.org.au
Esperanto House
143 Lawson St Redfern NSW 2016
www.worldlanguage.info/
(The Key 2014. Esperanto Domo, NSW, Australia)

2



La urbestrino de Montevideo (ĉefurbo kun 1.4 milionoj da loĝantoj), s-ino Ana Olivera, salutas kaj bonvenigas la Konferencon.

Karaj,

La ILEI konferenco por Esperanto-instruistoj nun okazas en Montevideo. La urbestrino salutis la kongresanojn. Inter ili estas gesinjoroj Bishop el Melburno.

Amike, Nicole



**komerco|esperanto|konstrumaŝino |eksporto| Xi'an Da Vinci Import...**

Xi'an Da Vinci Importa-Eksporta Ko., Lta estas profesia firmao importa-eksporta per Esperanto. Ni eksportas ĉefe konstruajn materialojn kaj maŝinojn, kaj invitas vian kunlaboron por utiligi Esperanton, kaj ni kune laboru por nia idealo kaj por beligi nian vivon sendis Henriette Vanechop

**Reklamu vian klubon per artikoloj en la novaĵletero !!**

# Lingva festivalo en Montevideo.

Jen alia foto trovita sur Fejsbuko. Jennifer kaj Alan dum la lingva festivalo en Montevideo.

Amike, Nicole



# Esperanto ITV  2003 ĝis 2006 [Roberto Poor t](#) [Esperanto](#)

Internacia Televido (aŭ ITV) estis interreta televidkanalo en Esperanto. La projekto estis iniciata en 2003 de Ĝangalo E-Portalo. En februaro kaj marto 2004 Fla...vio Rebelo, ĉefredaktoro de la retportalo Ĝangalo, prelegvojaĝis en Eŭropo por promocii la projekton inter la eŭropaj esperantistoj. La kanalo celis montri diversajn programojn esperantlingvajn kiel kinofilmojn, dokumentariojn kaj Esperanto-kursojn. Oni ne sukcesis kolekti la planitan startan kapitalon (35.000 eŭrojn), sed nur 23.000 eŭrojn. Tamen la iniciatintoj ne nuligis la tutan projekton, sed ekfunkciigis ĝin kun ŝanĝita, iom simpligita formo. La 31-an de julio 2005, ITV komencis elsendi test-signalon kun informo pri la nova servo. La 5-an de novembro 2005, ITV ekis. Pro financaj malfacilaĵoj, la ITV ĉesis en 2006.

Tio estas la historio de televido en Esperanto, sed kia estos ĝia estonteco? Ĉu la Esperantistaro ankoraŭ interesiĝas pri tio?
Nun Esperanto-TV bezonas VIAN HELPON, por daŭrigi kaj plibonigi niajn servojn, ni petas ke vi tralegu la jenan mon-peton por nur 1400 Eŭroj.
https://www.indiegogo.com/projects/servilo-por-esperanto-tv-server-for-esperanto-tv
Trovis kaj sendis Henriette Vanechop

# Esperanto-TV

Esperanto-TV komencis kampanjon por levi $2,000 kapitalon por aĉeti sian novan servilon. Nuntempe ni prunteprenas tre malnovan servilon de nia kunlabora firmao iStream Studios, sed ni ne rajtas senlime uzi ĝin kaj devas akiri propran por daŭrigi kaj plibonigi niajn televidajn elsendojn. Esperanto-TV jam estas oficiale subtenata de la Esperanto-Federacio de Novsudkimrio, la Aŭstralia Esperanto-Asocio, kaj la Hodler Institucio, sed ĉiuj Esperantistoj povas kontribui al nia sukceso. Se vi povas donaci eĉ 20 dolarojn tiam via kontribuo multe helpus al la disvastigo de Esperanto kaj Esperanto-TV, kiu estas la sola aktiva IPTV kanalo en la mondo por la internacia lingvo. Memoru kion Zamenhof diris 'por ke lingvo estu tutmonda, ne sufiĉas nomi ĝin tia' Ni, la Esperantistoj devas prilabori tiun sukceson,  kaj nuntempe Esperanto-TV estas la plej granda projekto rilate al tio en Aŭstralio.



Por donaci al la kampanjo kaj legi pli, ni petas ke vi iru al:
https://www.indiegogo.com/projects/servilo-por-esperanto-tv-server-for-esperanto-tv/x/4947386
sendis Richard Delamore



## Jonathan Moylan libera !

Ĉe la NSK Supera Kortumo je vendredo 25/7/14 juĝisto David Davies kondamnis Moylan al unu jaro kaj ok monatoj en karcero sed ordonis, ke li estu tuj liberigita kondiĉe ke li bone kondutos dum du jaroj kaj pagos kaŭcion de $ 1000.
http://www.smh.com.au/nsw/jonathan-moylan-avoids-jail-term-for-fake-anz-media-release-about-whitehaven-coal-20140725-zwwe7.html

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Pasintaj kunvenoj 10/7/14? 20/7/14?

